





GIJON MARTO-APRILO 1.980

ASTURA ESPERANTO ASOCIO nº 13

## ANTAŬ 63 JAROJ MORTIS NIA MAJSTRO

La 14-an de aprilo 1917, proksimume je la kvina kaj duono vespere, post longa suferado sekve de oftaj brustanginaj spasmoj, Lazaro Ludoviko Zamenhof mortis.

Sed Li iĝis senmorta per sia grava verko, ESPERANTO, al kiu Li dediĉis ĉiujn siajn fortojn, kaj korpajn kaj mensajn.

Zamenhof estis homarano kaj revadis pri mondo vivanta en Paco. Jen citaĵo de Lia politika testamento "Post la Granda Milito: Alvoko al la Diplomatoj": " La sola efektive justa decido, kiun vi povas fari, estas: laŭte proklami kiel oficialan, firme interkonsentitan kaj plene garantiitan decidon de ĉiuj eŭropaj regnoj la sekvantan elemente naturan, sed ĝis nun bedaŭrinde ne observatan principon: Ĉiu lando morale kaj materiale plene egalrajte apartenas al ĉiuj siaj filoj".

Kiel Vi povas konstati Lia "Alvoko", bedaŭrinde!, ankoraŭ restas aktuala. Ni honoru Lian memoron per disvastigo de Esperanto, per batalado por la Paco.

AGOMO.



# LA DELIKTECO

Mi ofte aŭdis diri al mia patrino: " Kiam la kapo estas malpura, ĝi fariĝas nesto de pedikoj kaj aliaj parazitoj ".

La diraĵo estas aplikebla al nia - nuna hispana socio. Neniu povas nei, ke en nia lando hodiaŭ ekzistas pli ol neniam, krimuloj, gangsteroj, ŝtelistoj, - rabistoj, drogadeptoj, drinkuloj, prostituinoj, pornografio, analfabetoj, malsatuloj, senlaboruloj, k.t.p.

Kiu kreis tiajn homkolektivojn? La respondo estas simpla: la socio en kiu - disvolviĝas iliajn vivojn. Oni ne povas kulpigi neniun alian.

Nia socio putriĝas, tio ja ne estas aserto de la subskribinto, ĝin oni povas legi en kiu ajn ĵurnalo. Miloj da hispanoj protestas pro la manko de sekureco ekzistanta en nia ĉiutaga medio. Fakte - ili pravas. Oni bezonas kuraĝon por promeni pli malfrue je la deka vespere, ĉar estas multaj ŝtelistoj kaj rabistoj. Ne ekzistas persona sekureco. Ĉi tio jam estas vero. Sed, kiajn rimedojn oni aplikas por ĉesigi ĉi tiun situacion? Iuj diras: pliajn policistojn, aliajn opinias: pligrandigi la karcerojn. Ne mankas ankaŭ - konsciantaj homoj, kiu diras: oni devas ĝisfunde revizii, ŝanĝi la strukturon de nia sociordo. Sed ha!, por starigo de plia kunvivado la privilegiuloj devas rezigni almenaŭ parton de sia luksa vivo. Nu, ĉi tie aperas la vorto libero. Verŝajne kaŝite kaj laŭ modelo de nia nuna socio sub tiu vorto - libero - oni jam rajtas havi la plej grandajn luksaĵojn, eĉ se tio - signifas, ke multaj homoj devas vivi mizere, diskriminacie.

La delikteco en nia lando estas - rikolto adekvata al usata semo. Sed, kiu kulpas? Unualoke, la respondecaj aŭtoritatoj, kaj due la tuta hispana popolo kiu ne scias aŭ ne kapablas krei tiun honestan vivoformon kaj samtempe meti en la regantajn postenojn la adekvatajn homojn.

Miloj kaj miloj da hispanoj ne laboras, precipe junuloj. Instigoj al aĉetado pri kio ajn, konstante aperas en la konstantaj ĉiutagaj reklamoj. La privilegiuloj malkaŝe fanfaronas per siaj posedaĵoj antaŭ tiuj, en kies hejmoj mankas la plej urĝaj kaj bezonataj vivorimedoj. Kion povas fari junulo senlabora, aŭ eĉ laboranta antaŭ tiaj - provokoj de la socio? Kiamaniere povas reagi junulo aŭ respondeca patro, havantaj nenion, kiam ili konstatas - la superan lukson en kiu iuj vivas?

Ni ne bezonas pliajn policistojn nek pligrandigi la karcerojn. nia socio devas esti pli justa. Anstataŭ karceroj oni devas krei laborpostenojn, - kun justaj salajroj. Oni devas pretigi leĝojn, kiuj diskriminaciu neniun, tiamaniere, mi estas certa, malgrandiĝus la delikteco kaj metus fundamenton por puni tiujn, kiuj ne volus akcepti la justan kunvivadon. Estas evidente, ke - tie kie ekzistas homoj, ĉiam estos problemoj. Sed hodiaŭ ni alvenis al limo - ne plu tolerebla. Mi ne defendas la deliktecon, mi nur deziras trovi la rimedojn por ĝin eviti.

Fakte nia socio kulpas pro la nu-

na delikteco. Oni ne povas ĵeti multajn homojn al la mizero dum aliaj vivas luksege. Oni ne povas trompi la homojn per tia konstanta reklamado de nebezonataj aĵoj. Iuj enŝuldiĝas por akiri tiujn luksaĵojn, aliajn prenas ilin per forte. Tio ja ne estas vivo, ĝi estas misprezento de digna vivoformo, en kiu oni kreas la kondiĉojn por la malfortuloj fariĝu karno de pendigilo.

Regas tiom granda konfuzo en nia socio, ke ofte eĉ tiuj regantoj de nia vivo falas en la plej grandajn malvirtojn. Tamen, ni scias ke la protagonistoj de tiaj financaj skandaloj ĉiam skapas el leĝoj.

Estas plorinde, kiam la hispanaj respondeculoj komparas la hispanan deliktecon al tiu ekzistanta en aliaj landoj. Ni povas iamaniere resti trankvilaj, ili diras, ĉar en Usono, Francujo, Italujo, Germanujo, k.t.p. la nombro da deliktantoj estas multe granda. Kia konsolo! Kia honto! Kion atendas niaj autoritatoj, ke oni mortigu la homojn en la koridoroj de la metroo, kiel okazas en Nova Jorko?

Nia socio devas meti ĉiujn rimedojn por ke siaj membroj povu vivi feliĉe, sen diskriminacio, nek privilegiuloj. Se la putriĝado de niaj institucioj ne haltas, ni finiĝos en la plej granda ĥaoso, en kiu la homaj valoroj havos nenian signifon. Nia socio devas lavi " sian kapon " kaj forigi ĉiujn parazitojn.

LUIS SERRANO PEREZ

SABADELL



# hispana esperanta VITRALO

## LAŬDINDA LABORO

La 19-an de la nuna Aprilo okazis, kun plena sukceso, en Alicante, " Tago de studo kaj kunfratiĝo inter profesoroj de G.B.E. kaj simpatiantoj de Esperanto de la tuta provinco kun partopreno de reprezentantoj el Madrido, Murcio kaj Valencio. Prezidis la Provinca Delegito de la Ministerio de Edukado kaj Scienco kaj diversaj personoj de la Instruado.

Post la bonveniga saluto de la Hispana Sekciestro kaj Vicprezidanto de I.L.E.I., profesoro Zaragoza Ruiz, kaj la reprezentantoj antaŭe cititaj, la unua diris ke la sukceso de la Tago de Studo estos la plej bona respondo al la promesplena letero ricevita de la koncerna Ministerio rilate enkondukon de Esperanto en la lernejoj; ke la Elementa Koresponda Kurso atingis la nombron de 959 gelernantoj, el kiuj la plimulto estas geprofesoroj; ke la Hispana Sekcio de I.L.E.I. havas 360 membrojn, 50 Provincajn Delegitojn kaj 36 urbajn specialajn Delegitojn; ke ĉio ĉi tio kontribuos sukcese plenumi la sugestojn de la Ministro ĉar ĉiuj hispanaj provincoj devas sekvi la ekzemplon de tiu de Alicante por kompletigi la laboron de la hispana sekcio de I.L.E.I. Ankaŭ parolis pri la bezono adopti la dulingvismon laŭ decido de la Eŭropa Klubo de Paderborn.

La profesoro S-ro Bernabeu parolis -

pri la "Alta Valoro de la Polurado de - Niaj Esperantaj Konoj kaj de la Graveco de la Kunfratiĝaj Rilatoj"; profesoro - S-ro Molins pri "Didaktiko de la Esperanta Konversacio"; profesoro S-ro Sánches pri "Didaktikaj Kriteroj rilate la Instruadon de la Internacia Lingvo".

Oni distribuis Diplomojn kaj Donacetojn inter la lernantoj kaj por honori la memoron de la ĵus forpasinta S-ro Recio, eksfunkciulo de la Provinca Delegitejo de E. kaj S., tre entuziasma subtenanto de la esperanta movado oni liveris al lia vidvino, S-ino Beatriz Inés Martín Diplomon de Esperanto je postmorta titolo.

Gratulon al ĉiuj gepartoprenantoj,- ĉar ili sukcesis tute kaj ĉar ili honoris inde homon entuziasma de la esperanta movado laŭ li meritis. Kaj ke tiu bela ekzemplo havu multajn imitantojn en la diversaj hispanaj grupoj kaj tre precipe en - nia H.E.F.

## DONACOJ POR INFANOJ LERNANTOJ DE ESPERANTO

La Konfederacio de Ŝparkasoj ĉe la fino de la lernojaro, intencas disdoni kamizolojn kun la emblemo de la Konfederacio kaj la vortoj: I.L.E.I. ESPERANTO lingvo por ĉiuj.

Por povi fari la koncernan distribuon, ĉiu instruisto devas sendi liston de lernantoj kun jenaj detaloj:Instituicio kie oni instruas, nomo de la Direktoro, nomo de la profesoro, Elementa aŭ - Perfektiga Kurso, nombro de gelernantoj,. ..knaboj,...knabinoj, klaso-daŭro semajna, aktivaĵo de la ekskluziva horo,...jes,... ne, metodo aŭ libro.

Ĉi tiun liston oni devas sendi al - Profesoro Francisco Zaragoza Ruiz, Colegio Nacional Primo de Rivera, Callosa de Segura(Alicante) ĝis 31-an venonta Majo.

## NAUDEKA DATREVENO DE PRESTIGA ESPERANTISTO

La 17-an de la venonta Junio la - prestiĝa samideano Doktoro Mikaelo Sancho Izquierdo plenumos 90 jarojn.Li dediĉis sian vivon al la instruado sub la signo de la espero kaj la humaneco, signon de la Esperanto-movado al kiu li ankaŭ dediĉis pli ol 70 jarojn.

Membro, sekretario kaj Prezidanto de la societo "Frateco", li laboris intense por disvastigi la Internacian Lingvon.

Dum la jaroj 1963/1969 estis Prezidanto de H.E.F. kaj per sia prestiĝo elmontris ĉie la neŭtralecon de la Hispana E-movado kiu disvastiĝis tra la tuta - lando.

Nuntempe D-ro Sancho Izquierdo estas Honora Prezidanto de H.E.F., titolo kiun li meritas pro sia plena dediĉo al la Esperanto-movado.

Mi, per ĉitiuj linioj, volas esprimi al li mian dankon kaj mian gratulon kaj samtempe mi petas al la hispana samideanaro faru same.

Gijón, 25 de Aprilo de 1.980ª INSTRUISTO

# ĤANNA SENEŜ (teatraĵo) daŭrigo

Eniras Hilda kaj advokato Devezeri. En lia mano estas aktujo.

Hilda (al Janus): Vi, kion faras ĉi-tie?
Janus: Mi - nur alportis manĝaĵon....
Hilda: Forkuru de tie-ĉi - rapide!

Janus foriras.

Hilda (al Ĥanna): Por vi (ŝi eliras)

Ĥanna leviĝas.

Devezeri (li premas la manon de Ĥanna): Advokato Devezeri. Via patrino metis sur mia mano vian defendon.
Ĥanna: Mia patrino? Ĉu ŝi estas libera?
Devezeri: Jes. Ŝi estis liberigita antaŭ kelkaj tagoj. Hodiaŭ ŝi venos vidi vin.
Ĥanna (ŝi premadas lian manon): mi dankas al vi tiom....
Devezeri: Ne estas mi kiu liberigis ŝin....
Ĥanna: Pro la bona novaĵo mi dankas al vi.... Mi estas tiom feliĉa.
Devezeri: Via juĝo estos la 28ª de tiu-ĉi monato, en la juĝejo de la Armeo.
Ĥanna: Ĉu hungara?
Devezeri: Mi esperas tiel.... sed en tiuj-ĉi tagoj estas ne-eble scii. Estas en la lando granda ĥaoso.
Ĥanna: Kaj laŭ la hungara leĝo.... kio atendas min?
Devezeri: Dek-kvin aŭ dudek jaroj en malliberejo, maksimume. Tamen mi ne kalkulas ĉi-tion. La milito baldaŭ finiĝos....
Ĥanna: Kaj ĉu vi kalkulas ke estos tre baldaŭ?
Devezeri: Tiel oni diras. Sed se la germanoj prenos vian aferon al iliaj manoj - tio estos tre malbone.... Pro tio mi venis por ekzameni kun vi vian aferon. Bonvolu sidi. (Ĥanna eksidas, sur la lito. Li sur la tabureto). Mi tralegis ĉiujn paperojn. Via pozicio estas tre malfacila. Ili kaptis vin kun radio-dissendilo, pri kiu vi konfesis ke estis via. Oni komprenas klare ke ĝi estis por dissendi sciigojn al la alianculoj....
Ĥanna: Mi konfesis ke mia tasko estis - savi judanojn.
Devezeri: Jes, sed pro tio vi povas ricevi la plej malmolan punon; por ili ankaŭ ĉi-tio estas kontraŭ-reĝima agado....
Ĥanna: Mi estas preta ricevi sur min ĉi-tiun pekon.
Devezeri: Plie, ili ne kredas ke vi ne estis sendita por fari spionadon.
Ĥanna: Ĉi-tio ne estas ĝusta.
Devezeri: Tamen ĉio estas kontraŭ vi. La dissendilo, ekzemple, ĉu vi povos pruvi ke ĝi ne estis uzita por dissendi sciigojn al la malamikoj de la ŝtato?
Ĥanna: Ne.
Devezeri: Ĉi-okaze, via celo fiaskis.
Ĥanna: Jes. Mi malsukcesis. Ĉi-tiu estas mia sola peko.
Devezeri: Nun mi demandos al vi: Kial vi ne malkovros la ĉifron de dissendado? Tio povas helpi vin multege en la juĝo.
Ĥanna: Ĉu vi ankaŭ?
Devezeri: Ne, ne. Mi ne deziras influi sur vin. Mi nur deziras kompreni.
Ĥanna: Ĉu vi deziras ke preze de mia savo mi alportu malfeliĉon sur tiuj kiuj sendis min, kaj sur mia tero?
Devezeri: Vi bone pensu pri tio kion mi diros al vi nun. Se oni dirus al vi ke pere de malkovri la ĉifron de dissendo estus granda helpo por tiuj kiujn vi celis savi, ke pere de ke vi tiel estis savantino mortis centoj da judanoj, ekzemple, ĉu vi malkaŝos?

Ĥanna: Mi ne komprenas viajn vortojn.
Devezeri: Tiu ĉi afero estas verŝajna.
Ĥanna: Vi provas influi sur min tra vojoj ne rektaj. Kiel la demandis Roja. Ĉu estas li kiu sendis vin?
Devezeri: Tio kion mi diris al vi estas verŝajna.
Ĥanna: Mi ne kredas al vi.
Devezeri: Malgraŭ ĉio, se ĝi estus tiel, ĉu vi konfesos?
Ĥanna: Ne. Neniam mi kredos al la murdistoj.
Devezeri: Ni diros ke oni donus al vi garantiaĵojn....
Ĥanna: Vi parolas al mi kiel sangokomercisto! Ĉu vi pensas ke mi alportus malfeliĉon sur mian patrujon, sur mian sendinton, sur miajn gekamaradojn, pro konfidi al murdistoj? (Ŝi kovras ŝian vizaĝon per siaj manoj. Post silento levas ŝian kapon) Mi ne deziras vian helpon. Mi povos per miaj fortoj memdefendi al mi.
Devezeri: Ne koleru vi, Sinjorino Ana Ŝeneŝ, tio estas propono de personoj kiuj serĉas vian bonon....
Ĥanna: Se vi deziras ke mi daŭrigu mian paroladon al vi, haltu vian paroladon al mi pri tio. Mi jam suferis durajn torturojn, kaj neniu povas esperi ke mi kapitulacos al mensogaj promesoj.
Devezeri: Mi serĉis vojon por savi vin en la juĝo.
Ĥanna: Bona Dio! Por kio mi bezonas vin? (kun ŝtorma animo) Se mi scius ke malkovranta la ĉifron de dissendo mi alportus morton por iu homo, nur unu homo, ĉu vi kredas ke mi malkaŝos? aŭ eble preze de ĉiuj viaj promesoj? Ja jam ili diris al mi ke ili mortigos al tiu plej kara al mi- al mia patrino; kaj se mi estus timiginta de la paroloj kaj fidinta la promesojn - mi estus konfesinta antaŭ longe, kaj mi estus savinta min mem de teruraj turmentoj. Kaj nun vi - mia juĝdefendanto, mia advokato, proponas -
Devezeri: Mi proponas nenion, Sinjorino Ana Ŝeneŝ. Mi nur deziras diri, ke en momentoj de granda danĝero, estas kalkulo....
Ĥanna: Kalkulo? Mi konas alian kalkulon, kalkulo pli grava ol tiu-ĉi, advokato Devezeri. Mi scias ke honora sinteno povas savi popolon kompletan, kaj timo kaj kapitulaco mortigi ĝin. (post silento) Mi diros al vi: kelkaj semajnoj antaŭ ol kiam mi eliris el mia lando mi aŭdis tion kion rakontis personoj kiuj alvenis el la varsovia getto. Tie iras centoj, miloj da personoj al la morto, ne dirante eĉ vorton, ne levante manon kontraŭ la murdistoj. Ankaŭ tie estas kiuj pensas kiel vi - ke pere de "kalkulo" kun la germanoj oni savos almenaŭ kelkajn. Ĉu ili savis eĉ unu homon de morto pere de tio? Ĉu ili savis eĉ sin mem? Ne. Ili perdis iliajn vivojn, kaj perdis ankaŭ ilian honoron. Poste leviĝis tiuj, malmultaj, kiuj batalis. Ili ne savis multajn. Nur malmultajn. Eble kiom da centoj. Tamen malgraŭ ĉio ili savis pli ol la aliaj - la honoron de ĉiuj-ĉi kiuj vivos post ili! Eble dank'al ili - mi havis forton por rezisti ĉiujn torturojn....
Devezeri: Eble. Vi estas filino de popolo kiu suferis multe, kaj eble vi scias pli ol mi....
Ĥanna: Kaj ĉi-tie, en Hungario - ĉu ne okazis tiel? ĉu ne oni instruis al ni honori Pateife-n kiu donis lian vivon kiel martiro de la libero? (post silento) kiu estas tiu kiu donis al vi ĉi-tiun "oferton", malkovri sekreton preze de savi vivojn?
Devezeri: Judanoj....

Ĥanna kovras ŝian vizaĝon per ŝiaj manoj. Eniras Hilda kaj la patrino kun korbo en la mano. Devezeri leviĝas.

ĝi daŭros

# ĈIAMA KALENDARO DE 1900 ĜIS 2000

| I) JAROJ | | | | | II) MONATOJ | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | J | F | M | A | M | J | J | A | S | O | N | D |
| | | 25 | 53 | 81 | 4 | 0 | 0 | 3 | 5 | 1 | 3 | 6 | 2 | 4 | 0 | 2 |
| | | 26 | 54 | 82 | 5 | 1 | 1 | 4 | 6 | 2 | 4 | 0 | 3 | 5 | 1 | 3 |
| | | 27 | 55 | 83 | 6 | 2 | 2 | 5 | 0 | 3 | 5 | 1 | 4 | 6 | 2 | 4 |
| | | 28 | 56 | 84 | 0 | 3 | 4 | 0 | 2 | 5 | 0 | 3 | 6 | 1 | 4 | 6 |
| | 01 | 29 | 57 | 85 | 2 | 5 | 5 | 1 | 3 | 6 | 1 | 4 | 0 | 2 | 5 | 0 |
| | 02 | 30 | 58 | 86 | 3 | 6 | 6 | 2 | 4 | 0 | 2 | 5 | 1 | 3 | 6 | 1 |
| | 03 | 31 | 59 | 87 | 4 | 0 | 0 | 3 | 5 | 1 | 3 | 6 | 2 | 4 | 0 | 2 |
| | 04 | 32 | 60 | 88 | 5 | 1 | 2 | 5 | 0 | 3 | 5 | 1 | 4 | 6 | 2 | 4 |
| | 05 | 33 | 61 | 89 | 0 | 3 | 3 | 6 | 1 | 4 | 6 | 2 | 5 | 0 | 3 | 5 |
| | 06 | 34 | 62 | 90 | 1 | 4 | 4 | 0 | 2 | 5 | 0 | 3 | 6 | 1 | 4 | 6 |
| | 07 | 35 | 63 | 91 | 2 | 5 | 5 | 1 | 3 | 6 | 1 | 4 | 0 | 2 | 5 | 0 |
| | 08 | 36 | 64 | 92 | 3 | 6 | 0 | 3 | 5 | 1 | 3 | 6 | 2 | 4 | 0 | 2 |
| | 09 | 37 | 65 | 93 | 5 | 1 | 1 | 4 | 6 | 2 | 4 | 0 | 3 | 5 | 1 | 3 |
| | 10 | 38 | 66 | 94 | 6 | 2 | 2 | 5 | 0 | 3 | 5 | 1 | 4 | 6 | 2 | 4 |
| | 11 | 39 | 67 | 95 | 0 | 3 | 3 | 6 | 1 | 4 | 6 | 2 | 5 | 0 | 3 | 5 |
| | 12 | 40 | 68 | 96 | 1 | 4 | 5 | 1 | 3 | 6 | 1 | 4 | 0 | 2 | 5 | 0 |
| | 13 | 41 | 69 | 97 | 3 | 6 | 6 | 2 | 4 | 0 | 2 | 5 | 1 | 3 | 6 | 1 |
| | 14 | 42 | 70 | 98 | 4 | 0 | 0 | 3 | 5 | 1 | 3 | 6 | 2 | 4 | 0 | 2 |
| | 15 | 43 | 71 | 99 | 5 | 1 | 1 | 4 | 6 | 2 | 4 | 0 | 3 | 5 | 1 | 3 |
| | 16 | 44 | 72 | 2000 | 6 | 2 | 3 | 6 | 1 | 4 | 6 | 2 | 5 | 0 | 3 | 5 |
| 1900 | 17 | 45 | 73 | | 1 | 4 | 4 | 0 | 2 | 5 | 0 | 3 | 6 | 1 | 4 | 6 |
| | 18 | 46 | 74 | | 2 | 5 | 5 | 1 | 3 | 6 | 1 | 4 | 0 | 2 | 5 | 0 |
| | 19 | 47 | 75 | | 3 | 6 | 6 | 2 | 4 | 0 | 2 | 5 | 1 | 3 | 6 | 1 |
| | 20 | 48 | 76 | | 4 | 0 | 1 | 4 | 6 | 2 | 4 | 0 | 3 | 5 | 1 | 3 |
| | 21 | 49 | 77 | | 6 | 2 | 2 | 5 | 0 | 3 | 5 | 1 | 4 | 6 | 2 | 4 |
| | 22 | 50 | 78 | | 0 | 3 | 3 | 6 | 1 | 4 | 6 | 2 | 5 | 0 | 3 | 5 |
| | 23 | 51 | 79 | | 1 | 4 | 4 | 0 | 2 | 5 | 0 | 3 | 6 | 1 | 4 | 6 |
| | 24 | 52 | 80 | | 2 | 5 | 6 | 2 | 4 | 0 | 2 | 5 | 1 | 3 | 6 | 1 |

| III) TAGOJ DE LA SEMAJNO | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | D- | 1 | 8 | 15 | 22 | 29 | 36 |
| | L- | 2 | 9 | 16 | 23 | 30 | 37 |
| | M- | 3 | 10 | 17 | 24 | 31 | |
| | M- | 4 | 11 | 18 | 25 | 32 | |
| | Ĵ- | 5 | 12 | 19 | 26 | 33 | |
| | V- | 6 | 13 | 20 | 27 | 34 | |
| | S- | 7 | 14 | 21 | 28 | 35 | |

EKZEMPLO: Kia tago de la semajno estos la 14 de Julio de 1987?.-

KLARIGADO:- Serĉu la jaron (1987) en la tabelo I kaj daŭrigu dekstren, horizontale, ĝis la numero kiu koncernas al la kolumno de la monato Julio en la tabelo II, en ĉi tiu okazo la (3). Aldonu al ĉi tiu numero (3) la cifero de la tago de la monato (14) kaj la sumo estas (17). La tabelo III montras al ni ke la 14 de Julio de 1987, cent-datreveno de la Unua Esperanto Libro, estos MARDO.

SaMuGa.

# DISTROJ

## Ŝupo de literoj

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | T | N | E | P | R | E | S |
| D | A | A | L | O | D | K | A |
| I | L | O | N | B | O | A | O |
| P | Ĉ | I | T | L | A | M | R |
| S | E | R | U | A | G | E | B |
| A | V | B | F | Ĥ | I | N | O |
| T | R | A | R | A | T | O | K |
| O | T | R | E | C | A | L | C |

Tiu ĉi kvadrato plena da literoj enhavas ses nomojn de **rampuloj**. Serĉu ilin!
Pro tio vi povas legi horizontale, vertikale kaj eĉ diagonale – en ambaŭ direktoj sed ne transsaltu literojn.

## Movoj de kavaliro

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| ★ | **SEN**, | KOS | LA | ★ |
| ĜI | MOR | TAS | LA | GA |
| VON | TAS | PA | TO, | NUR |
| ★ | SED | VI | ES | ★ |

Komencante – per la silabo **SEN** (nigreta), kaj laŭ la kavalira movo en la ŝakludo, trovu konatan proverbon.

## SOLVOJ AL LA ANTAŬAJ ENIGMOJ

**MOVOJ DE KAVALIRO:**
Pelu mizeron tra la pordo, ĝi revenos tra la fenestro.

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| C | I | N | A | B | R | I | O |
| G | R | A | N | A | S | O | R |
| M | O | J | I | N | E | R | P |
| O | L | E | V | A | Ĉ | O | A |
| M | N | U | T | N | I | R | I |
| I | E | U | I | O | G | S | P |
| L | T | A | R | D | D | P | A |
| A | O | S | A | P | R | I | R |

**ABELEJO:**
1).-Bohema
2).-Botelo
3).-Barono 4).-Betulo 5).-Butono 6).-Balono

**KAŜITAJ PROVERBOJ:**
1) Altan arbon batas la fulmon.
2) Ĉiu havas sian kaŝitan mizeron.
3) Lernu juna, por esti saĝa maljuna.

## abelejo




Helpe de la sekvantaj difinoj, trovu ok vortojn el ses literoj, tiamaniere ke ĉiu vorto komenciĝu pro la cirklo en kiu estas la sago kaj sekvonta movado de montriloj je horloĝo.

1) Ŝtata aŭ urba administracio, komisiita gardi la publikan ordon kaj sekurecon.
2) Tegaĵo el ŝtono, ligno, asfalto k.s. etendita sur la grundo de strato, vestiblo, k.c.
3) Stato de horizontala ebeno aŭ de punktoj situantaj en la sama horizontala ebeno.
4) Persono kiu pozas antaŭ artisto por esti desegne, pentre, skulpte, k.s.
5) Sesdekono de la horo.
6) Malsupera oficisto de preĝejo, universitato aŭ juĝeco, kiu zorgas pri malgravaj materiaj taskoj.
7) Nomo de urbo en Hispanujo.
8) De plurjaraj bulboherboj kun stara, folihava tigo portanta ordinare unu floron, kiu havas 6 grandajn brilkolorajn petalojn formantajn vazforman korolon, 6 stamenojn kaj unu pistilon kun sesila stigmo.